# Gaja Haveno

primovada informilo sendependa

**N-ro 18 – Majo/Junio 2004**
**Porto Alegre, RS, Brazilo**


Saluton! Mia nomo estas Kroko. Mi estas krokodilo sed mi parolas nur en Esperanto...



Ni komencu ĉi tiun numeron per bela novaĵo pri E-o:

## Esperanto estis serioze pridiskutita en la Eŭrop-unia Parlamento

Ĵaŭdon, la 1-an de aprilo, en la tag-ordo de la Eŭrop-unia Parlamento, oni proponis voĉ-donadon pri la "Informo pri tradukoj en la 15 ĉefaj lingvoj de la Eŭrop-unia Parlamento". En la dokumento voĉ-donita, estis proponita eta ŝanĝo en la unua traduk-sistemo uzata en la parlamento, kun la celo garantii la mult-lingvecon kaj lingvan egalecon ene de unu el la plej gravaj eŭrop-uniaj institucioj – la uzo de Esperanto kiel tradukan pont-lingvon. La aŭtoro de la propono, la itala deputito Ĝanfranko Dell'Alba, serioze proponis, ke la eŭrop-unia parlamento studu la eblecon uzi Esperanton kiel pont-lingvon por la tradukado de siaj dokumentoj.

En la traktado de la propono, la komisiono analizanta la temon for-igis ajnan mencion pri Esperanto, eĉ se dum la sesio sufiĉe granda nombro da deputitoj proponis, ke la temo estu traktata oficiale de la tuta deputitaro de la parlamento, kio estis sukcese aprobita. Ĉi tiun eksterordinaran venkon ne pretervidis la esperantistoj, kiuj konsideras la ampleksigon de la diskutoj pri Esperanto ene de la eŭrop-unia parlamento kiel veran triumfon. Efektive, por la unua fojo ekde la rekono de la valoroj de Esperanto far UNESKO, antaŭ kelkaj jar-dekoj, la internacia lingvo havas la ŝancon esti serioze analizita sine de EU (Eŭropa Unio).

***Fonto: http://gxangalo.com***

## Verda Kafo

En la lasta sabato de la monato, 16h,
en la trinkejo-restoracio Tutty's:
Av. Independência, 30
Centro Comercial Independência

**Oni atendas vian partoprenon!**

## BABILA RONDO

En la unua kaj la tria sabato de la monato, 16h30

GEA
Str. dos Andradas, 1251/101
Tel. 3228-3198

## Esperanto III
(Daŭriga Kurso)

Sabaton, 14h30
Lerno-libro: *Gerda Malaperis*
Kursgvidanto: Instr. César Dorneles Soares

en GEA

Bonege! Gerda reaperis...



## Perfektiga Kurso por E-Instruantoj

Lundon, 17h30,
en GEA

- Didaktikaj aspektoj de la E-instruado
- Plibonigo de la lingvo-scio de la instruantoj

Kursgvidanto:
Instr. Marcelo Stoduto

## Esperanto en la Brikabrako

En la dua dimanĉo de la monato, 9h-17h,
en la Brikabrako de Redenção,
fronte al *Colégio Militar,*
**kune disvastigu E-on en tre agrabla medio!**
**- GEA-aranĝo -**

## 2-a Spiritista Renkontiĝo de Esperanto

**Kiam?**
Dimanĉon, 20/6/2004, ekde 10h

**Kie?**
S.E. Paulo de Tarso
Av. do Forte, 1034,
kvartalo Ipiranga

**Aranĝo**
de UDE-Passo D'Areia,
en kunlaboro kun
E-grupo Francisco Valdomiro Lorenz

debatoj – prelegoj – artaj momentoj – kunfratriĝa tag-manĝo

Gaja Haveno
Ekde 1997 – N-ro 18 – Majo/Jun. 2004
Redaktas Instr. César Dorneles Soares
Mal. Frota, 278 - Porto Alegre, RS
PK-do 91350-030 - tel. (51)3344-2591 –
cdsoares@terra.com.br




# Ellernu Esperanton!

❑ Pri

plantl floron = *plantar uma flor*

priplanti kampon = *plantar um campo*

meti la tablon = *pôr a mesa (noutro lugar)*

primeti la tablon = *pôr a mesa (antes da refeição)*

levi la tablon = *levantar a mesa (erguê-la)*

prilevi la tablon = *tirar a mesa (depois da refeição)*

**Fonto:** ***Gramática Completa do Esperanto*, far Geraldo Mattos**

❑ E-aj Sinonimoj

**efemera** = pasema, mallongdaŭra

**eterna** = ĉiama, senfina

**hasti** = rapidi, urĝigi

**inversa** = kontraŭa, mala

**malvera** = falsa, neaŭtentika

**pinto** = ekstremo, supro

**trotuaro** = irejo

**turmenti** = torturi, suferigi

**Septembron, en Porto Alegre, la *7-a Gaŭĉa Renkontiĝo de Esperanto***




# Iom da paco



**B. Meininger**

Ja kiel floron ĉe l'
  vintra komenc'
Kaj fajron en venta,
  glacia potenc'
Kaj kiel pupon ŝatatan
  ne pli,
Min tre ofte sentas mi.
  Kaj tiam mi vidas la
  nubojn sur ĉiel'
  Mi aŭdas la birdojn
  flugantajn sen cel',
Mi kantas en tim'
  pro obskura minac',
Esperas, ke estu pac'.
  Iom da paco, iom
  da suno
Por nia tero,
  por nia nuno.
Iom da paco,
  iom da ĝojo,
Iom da varmo
  mi petas por ni.
Iom da paco
  kaj da revado
Kaj por la homoj
  ne plu plorado.
Iom da paco,
  iom da amo,
Estu l'espero ne iluzi'!
Ne pro miaj kantoj
  ŝanĝiĝas event'.
Mi estas knabin'
  nur kantanta
  laŭ sent',
senhelpa, soleca,
  birdet' sen potenc'
Kun tim' pro
  la ŝtorm-komenc'.
Iom da paco...
Kantu forte
  nun kun mi,
Pac' ne estu utopi'!

# Ganhador do Prêmio Nobel, sobre o Esperanto

**A. Cotton, membro da Academia de Ciências da França e ganhador do Prêmio Nobel:**

"Tomei parte em oito congressos de Esperanto em que pude confirmar que os esperantistas, vindos dos países mais distantes, podem perfeita e reciprocamente se compreender... Por outro lado, assisti muitas vezes a congressos científicos. Devemos ter a coragem de confessar que, com exceção de poucas pessoas que de fato têm grande prática do uso de várias línguas, os congressistas entendem-se muito mal."

# Francisco Valdomiro Lorenz, um pioneiro

Abaixo, alguns dados biográficos sobre Francisco Valdomiro Lorenz, uma das figuras mais representativas da história do movimento esperantista, não só gaúcho como brasileiro.

● Lorenz nasceu em uma pequena localidade da Tchecoslováquia (1872) e faleceu em Porto Alegre, RS (1957).

● Poliglota por natureza, aprendeu ao longo da vida dezenas de línguas. Em sua pátria natal, ainda jovem, foi tradutor oficial do chinês, árabe, inglês, francês e latim. Aos dezoito anos, publicou seu primeiro manual sobre Esperanto. É autor de *Esperanto sem Mestre*, uma obra que vem resistindo aos tempos dada sua importância didática sempre atual.

● Por razões políticas, acabou emigrando para o Brasil, aos 22 anos, fixando-se em Dom Feliciano, RS, onde passou a ganhar a vida como professor e agricultor.

● Homem de uma vasta cultura erudita, tendo publicado quase cem obras, várias delas sobre Esperanto, notabilizou-se ainda pelo seu grande senso humanitário.

● Como um dos pioneiros de maior destaque do movimento esperantista mundial, "três dias antes de sua morte, a Rádio Roma, da Itália, solicitava notas biográficas para homenageá-lo como o mais antigo esperantista do mundo".

**Baseado em texto de autoria de Roberto Scislewski, arquiteto (Dom Feliciano, RS)**

**http://br.groups.yahoo.com/group/esperantors**
La ret-adreso de la gaŭĉa esperantisto.